n-ro 33
1998-3
januaro 1999

# Esperanto en Azio



Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

eldonas: KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado), prezidanto: Puramo CHONG
adreso de KAEM: Japana Esperanto-Instituto, JP-162-0042 Tôkyô-to, Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japanio/ tel.: +81-3-3203-4581, fakso: +81-3-3203-4582

redaktas DOI Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236-0017
Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458 / PFH02512@nifty.ne.jp

*enhavo*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi kaj sendi informojn*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 2001.*

Prezidanto: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571. retpoŝto:puramo@chollian.net

Vicprezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569-0046 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773. retpoŝto: takeuti@nov.email.ne.jp

Ĝenerala sekretario: DAI Sóng-en/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: epc@china-report.com

PAK Hwa-jong/ Korea Esperanto-Asocio, Kang Byeon Han Shin Core B/D No 1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, SEOUL, Koreio. tel.: +82-2-717-6974. fakso: +82-2-717-6975. retpoŝto: bagurso@unitel.co.kr

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116-0013 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040. retpoŝto: syozik@qa2.so-net.ne.jp

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: epc@china-report.com

# • Salutas la nova prezidanto de KAEM

*Puramo CHONG*

Sur la sojlo de la nova jaro, mi sendas mian plej koran bondeziron, ke la nova jaro 1999, donos al vi ĉiuj, pli da sano, feliĉo kaj prospero en via vivo!

Certe ni vivas nun en historia tempopunkto, en kiu ĉio en la mondo fulmorapide ŝanĝiĝas. En la nuna mondo la rolo de Azio kaj ekonimie, kaj politike, okulfrape fortiĝis kaj tia fenomeno multe pli densiĝos ankaŭ en la nova jarcento.

KAEM estas komisiita laborgrupo de UEA speciale por azia Esperanto-movado, kaj ni, KAEM-anoj sentas grandan respondecon por plenumi niajn taskojn. La plej urĝa kaj granda tasko antaŭ ni estas bonorde kaj sukcese okazigi la Duan Azian Kongreson ĉi-jare okazontan en Hanojo, Vjetnamio. La Unua Azia Kongreso en Ŝanhajo en 1996 estis en granda sukceso kiel unuafoje okazinta evento en azia regiono. Ni do havas normalan kaj moralan taskon organizi aziajn kongresojn ĉiam en sukceso kaj tiel fari ĝin granda tradiciaĵo por aziaj esperantistoj samkiel universala kongreso. La sukceso de nia kongreso ja dependas de niaj ŝultroj.

La tasko de KAEM tamen ne estus simple prizorgi kaj aranĝi la kongreson, sed fakte bonorde entrepreni nian verdan movadon en nia regiono, Azio. Entrepreni signifas aktivigi, daŭrigi, florigi niajn aferojn. Ni devas helpi la movadon en Honkongo per ĉiaj rimedoj; ili nun tre bone movadas kaj bezonas eksterajn helpojn, kaj tio ankaŭ estus nia tasko. KAEM devas labori por semi Esperanton en la landoj, kie ĝis nun neniam estis organizitaj movadoj. En Tajvano, Malajzio, Filipinoj kaj Singapuro troviĝas unuopaj esperantistoj, sed ne organizitaj movadoj. KAEM povus kaj devus fari por helpi ilin, por pligrandigi kaj aktivigi ties Esperanto-movadojn. En Mongolio ekaperas bonaŭguraj burĝonoj de nia movado. Ili ankaŭ bezonas nian helpon. Fakte atendas multaj taskoj niajn senavarajn laborojn. Kaj mi petas viajn varmajn kunlaborojn.

Mi fine esperas, ke en la nova jaro1999, KAEM fariĝos pli vigla kaj aktiva kaj entuziasma. Refoje plej koran saluton kaj bondeziron por via sano, feliĉo kaj prospero!

# 1. Raporto de KAEM

## 1.1 Protokolo 1 (la Unua Fermita Kunsido de KAEM en la Montpeliera UK en 1998)

*tempo: 13:00~14:30 en la 5a de aŭgusto*

*Ĉeestis: SYÔZI Keiko, SATOO Ŝooiĉi (kiel komisiito de TAKEUTI Yosikazu) el Japanio, DAI Song-en, WEI Yan-su (kiel komisiito de WANG Jianbing) el Ĉinio, Puramo CHONG, PAK Hwa-jong el Koreio, Osmo BULLER (ĝenerala direktoro de UEA)*

*Diskutitaj temoj: 1. Nova elekto de estraro, 2. Pri du fakkunsidoj pri Azia Agado en la kongreso, 3. Pri la Dua Azia Kongreso, 4. Pri la KAEM-organo, "Esperanto en Azio", 5. Pri la labor-projektoj de KAEM*

### 1.1.1 Elekto de nova estraro de KAEM

S-ino Syôzi unue informis antaŭ voĉdono pri la opinio de s-ro Takeuti (nuna prezidanto), kiu ne povis veni ĉi-foje pro grava malsano de sia edzino, ke li ne povas daŭre respondeci kiel prezidanto pro nuna malfacila cirkonstanco, kaj tamen volonte restos kiel unu el membroj de KAEM por daŭre kaj efike labori por la dua Azia Kongreso en Hanojo. S-ino Syôzi proponis, ke almenaŭ unu el ĉinaj kaj koreaj KAEM-anoj transprenu la prezidantecon. S-ro Dai proponis, ke novan prezidanton transprenu la homo el korea flanko kaj proponis Puramo CHONG en Koreio kiel la novan prezidanton. Oni akceptis lian proponon kun aplaŭdo de ĉiuj. Puramo CHONG akceptis la prezidantecon kun danko kaj kun la indiko, ke la prezidantecon tri landoj transprenu laŭvice kaj laŭorde.

S-ino Syôzi ankaŭ proponis s-ron Dai kiel la novan sekretarion kun la aldona sugesto, ke tiukaze unu el japanaj KAEM-anoj (verŝajne s-ro Takeuti) transprenos la vicprezidantecon, tamen s-ro Dai pro sia malsano kaj ankaŭ pro siaj nunaj pezaj laboroj, esprimis absolutan neeblon akcepti ĝin. Post debatoj, Puramo proponis, ke oni flanken lasu tiun elekton kaj prokrastu unu-du monatojn, dum kiuj oni persone pridiskutu pli kaj decidu pere de letero aŭ de alia maniero. Oni jesis, kaj lasis la temon pri la elektado de sekretario kaj vicprezidanto por venonta alia fojo.

### 1.1.2 Pri du fakkunsidoj de Azia Agado

Puramo CHONG proponis, ke oni pritraktu ekskluzive la temon pri la Dua Azia Kongreso en la unua fakkunsido, kaj pri la azia movado en la dua fakkunsido, kiuj respektive okazos en ĵaŭdo matene kaj posttagmeze. De ĉiuj akceptite.

### 1.1.3 Pri la dua Azia Kongreso en Hanojo 1999

Oni ĝojis pri tio, ke ĉi-foje VEA (Vjetnama Esperanto-Asocio) kunportis belan kaj koloran broŝuron (unua bulteno) kun kelkaj aliaj necesaj dokumentoj, ĉar tio mem montras, ke oni en Vjetnamio nun verŝajne bone preparas la aferon. Oni pli detale aŭdos pri la situacio de preparado en la unua fakkunsido en Azia Agado, kaj pli profunde diskutos pri diversaj aferoj rilate al la kongreso.

### 1.1.4 Pri KAEM-organo, "Esperanto en Azio"

S-ro Dai el Ĉinio, rimarkigis, ke nuna listo de ricevantoj de la organo devas esti amendita, ĉar tio estis farita antaŭ kelkaj jaroj ĉefe fare de s-ro So Gilsu. Li emfazis, ke la organo devas esti adresata al veraj aktivuloj de lokaj Esperanto-movadoj. Puramo CHONG diris, ke estas sensignife sendadi la organon al la normalaj individuaj esperantistoj en Azio, kaj proponis, ke oni sendu ĝin senpage nur al veraj aktivuloj, kiuj povas esti lokaj

kaj fakaj grupoj, asocioj, organizoj ktp, kaj ke oni krome pagigu la normalajn individuajn esperantistojn, se ili daŭre volas ricevi la organon same kiel la kazo de Japanio. Puramo demanids s-ron Osmo BULLER, ĉu KAEM povas pagigi al estontaj memvolaj eventualaj abonantoj la abonkotizon, kaj li jesis kondiĉe, ke la gajnita abonkotizo eniros en la kapitalon de Azia Fonduso.

Oni akceptis la proponon de Puramo, kaj la decido pri pagigo aperos en averto-formo sinsekve tri fojojn sur la venontaj numeroj kaj fine ĝin realigos. La novan abonliston landaj respondeculoj de KAEM decidu kaj poste informu al la redakcio. S-ro Osmo sugestis, pere de limigo de la ricevantoj de la organo, se hazarde restas mono (eble el sendkosto), oni povos per ĝi fari la organon pli ampleksa aŭ pli ofta.

Puramo demandis s-inon Syôzi, ĉu nuna redakcio, ges-roj Doi estas pretaj ankoraŭ daŭre respondeci kiel nova redakcio. S-ino Syôzi responde proponis Puramon persone kontakti kaj demandi ilin pri la afero. Oni respektos kaj akceptos la opiniojn de nuna redakcio.

### 1.1.5 Pri la estontaj labor-projektoj de KAEM

Puramo indikis la neceson de modifo pri nunaj projektoj de KAEM, kiuj estis faritaj de la antaŭa estrarano, s-ro So, ĉar montriĝis, ke kelkaj projektoj estas ne plu validaj kaj aktualaj (ekz. projekto Ĉ). Oni akceptis, kaj lasos ĝin ĝis venontfojo por pli profunde diskuti kaj poste decidi.

Kaj fine Puramo demandis al Osmo, ĉu KAEM povas havi sian propran regularon por estontaj laboroj, kaj Osmo respondis, ke ĝis nun UEA ne havas deciditan regularon por ajnaj aliaj komisionoj, sed KAEM povos havi sian propran regularon, ne multe ampleksan, sed laborprincipan, kondiĉe ke KAEM decidu kaj sendu ĝin al UEA-estraro, kiu poste kontrolos ĝin. La nova regularo ekvalidos ekde la agnosko de la UEA-estraro.

## 1.2 Protokolo 2 (Unua malfermita fakkunsido de Azia Movado en la Montpeliera UK en 1998)

*tempo: 09:00~10:30 en la 6a de aŭgusto*

*Ĉeestis: ĉ. 70 personoj*

Laŭ la decido de fermita kunsido de KAEM okazinta merkredon, oni havis la unuan fakkunsidon de Azia movado ekskluzive por la 2a Azia Kongreso en Hanojo en la jaro 1999.

Puramo CHONG salutis reprezente de KAEM kaj klarigis la kialon de ne-partopreno de s-ro Takeuti. Post la prezento de aliaj KAEM-anoj, oni aŭdis la raporton de s-ro NGUYEN Minh Toan, nuna ĝenerala sekretario de preparkomitato de VEA, en kiu li raportis skize pri nuna situacio de preparado de la kongreso. Jen estas eroj de lia raporto:

Tuj post la gajno de la permeso okazigi la 2an Azian Kongreson (AK), 1) Starigis

"Preparan Komitaton por la 2a AK", kiun prezidis NGUYEN Dinh Hien, prezidanto de VEA. (LKK oficiale sinprezentos tuj post landa kunsido de VEA, laŭplane okazonta en la komenco de la 4a trimestro 98.) **2)** Ĝis nun Prepara Komitato faris jenojn: - Invitis la reprezentantojn de KAEM viziti Vjetnamion por la unua preparkunsido. - Plenumis la tekston de INTERKONSENTO por ke KAEM kaj vjetnama flanko subskribu. - Konturigis la projekton organizi la 2an AK (por vjetnama flanko). - Havis la projekton pri persona framo kaj unu liston de tiuj, kiuj estas pretaj partopreni en LKK. - Redaktis kaj eldonis la "Unuan Bultenon" kolore presitan kaj la "aliĝilon". - Diskutis kun koncernataj organizoj por konfirmi la kapablon kunagadi en okazigo de la 2a AK. - Preparis manuskripton de "Dua Bulteno" kaj "Mendilo". - Larĝe kuraĝigis Esperanto-lernadon por plialtigi la lingvo-nivelon, praktiki la lingvo-uzon, inter filioj kaj subfilioj de VEA. - Starigis la "Redaktan-Propagandan Grupon". - Ektradukis kelkajn modernajn vjetnamajn rakontojn. - "Hanoja Kuraĝiga Centro por Studo de Esperanto kaj Fremdaj Lingvoj" estis starigita kun s-ro NGUYEN Minh Toan kiel direktoro. La centro nun malfermas eksperimentajn kursojn de Esperanto por la kondiĉoj por plilarĝigi la trejnadon en venonta tempo. - Propagandis por kolekti kaj prepari la fondiĝon kaj sinprezentadon de Esperanto-Asocioj en kelkaj provincoj kaj urboj.

Unuvorte VEA klopodis kaj klopodas en la du flankoj: la preparado por la 2a AK kaj la fondado kaj disvolvo de la movado, kaj tiuj du aferoj jam akiras bonajn sukcesojn en iliaj nunaj paŝoj.

Post la raporto salutis s-ro DAO Anh Kha, honora prezidanto de VEA, ke malgraŭ kelkaj malfaciloj nun Prepar-komitato bone kaj sukcese laboras, kaj ili bezonas pliajn helpojn de alilandaj esperantistoj. S-ino Fenikso el Hoĉimin-urbo ankaŭ salutis kaj alvokis la helpon de monda esperantistaro. Daŭris kelkaj diversaj demandoj pri la kongreso, ekz., kongresejo, loĝebleco, transpaga problemo ktp, kaj la reprezentantoj de vjetnama flanko respondis.

La preparkomitato de Vjetnamio ankoraŭ montris kelkajn punktojn pritraktendajn en la preparado de la kongreso: **1)** Oni reekzamenu kaj finsubskribu la finfaritan "INTERKONSENTO"n inter LKK kaj KAEM. **2)** Vjetnama flanko deziras, ke KAEM faru la rolon de ĉefa peranto kaj helpu por ke plur-aliaj perantoj memvole kontaktiĝu kun KAEM kaj LKK, kiel eble plej frue. Ili esperas, ke la partoprenontoj en Hanoja AK estos minimume 300 samkiel en Ŝanhaja AK. **3)** En la flanko de VEA nun estas malfacileco de financo. Do ili esperas, ke ili povos ekhavi certan sumon, per kio oni utiligos por preparaj aktivecoj en komenca stadio. Do KAEM estas petita de ili trovi ian rimedon por helpi al ili. **4)** La gvidantaro de KAEM estas ankaŭ petita de vjetnama flanko laŭeble frue kaj konkrete kaj detale doni al LKK la informojn pri la tuta kongresa programo, per kio ili kunsidos en baldaŭa enlanda kunsido kaj diskutos kaj prikonsideros la eblecojn efektivigi. **5)** Vjetnama flanko proponas ke KAEM laŭeble frue havu la duan preparkunsidon en

Hanojo inter KAEM kaj LKK, kaj komisias al KAEM memvole decidi la tempon kaj daton renkontiĝi.

## *1.3 Protokolo 3 (La dua fermita kunsido de KAEM en la Montpeliera UK en 1998)*

*tempo: la 6an de aŭgusto*

*Ĉeestis: SYÔZI Keiko, SATOO Ŝooiĉi, DAI Song-en, Puramo CHONG*

Pro la propono de s-ino Syôzi, kiu emfazis, ke KAEM-anoj nepre devas findecidi la estontajn labor-projektojn antaŭ la fino de la kongreso, KAEM-anoj el tri landoj refoje kunsidis kaj diskutis pri la laobor-projektoj de KAEM.

Oni komencis unue pristudi ĝisnunajn projektojn A-D:

### *1.3.1 Projekto A (Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj. A-1: regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso. A-2: interŝanĝadi informojn regule)*

Ĝi estas necesa frazo por la movado, kaj oni konsentis ĝin ne tuŝita, tamen s-ro Satoo proponis amendi la frazon de A-2, ke oni forigu la vorton "regule" kaj aldonu "sendi" kaj oni konsentis. Do jen estas la amendita frazo: A-2 interŝanĝi kaj sendi informojn.

### *1.3.2 Projekto B (Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto)*

Ĝi estas ankaŭ bona paragrafo kaj tial lasu ĝin ne tuŝita laŭ la onia decido. Puramo CHONG emfazis, ke KAEM devas pli forte plenumi projekton B ekde la venonta periodo kun la indiko, ke KAEM ĝis nun neniam antaŭe realigis la projekton.

### *1.3.3 Projekto C (Aligi aziajn aktivulojn al UEA)*

Ĝi estas ankaŭ daŭrigenda, kaj relative bonfarita projekto, do oni daŭrigos ĝin.

### *1.3.4 Projekto Ĉ (Sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

Pri ĝi oni pli profunde diskutis, kaj konsentis, ke tiu projekto ne bone efikis ĝis nun por aktivigi Azian Esperanto-movadon malgraŭ ĝia multekosta elspezo, kaj donis profiton nur malmulte da elektitaj homoj. S-ro DAI Song-en proponis forigi la projekton Ĉ, kion oni akceptis.

### *1.3.5 Projekto D (Helpi pri Esperanto-libroj. D-1: eldono de necesaj libroj. D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organzoj)*

Ĝi estas ankaŭ daŭriginda laboro kaj oni pli klopodos por aktualigi la projekton. Do,

ĝi estas lasita ne tuŝite.

Puramo CHONG proponis fari interretan hejmpaĝon de KAEM por pli efike kontakti kun aziaj esperantistoj. S-ino Syôzi proponis, ke oni faru ĝin kadre de la nuna JEI-hejmpaĝo por ŝpari mon-elspezon, kaj tion ŝi proponos en baldaŭa JEI-direktora kunsido.

## *1.4 Protokolo 4 (Dua malfermita fakkunsido pri Azia movado en la Montpeliera UK en 1998)*

*tempo: 16:00~18:00 en la 6a de aŭgusto*

*Ĉeestis: ĉ. 100 personoj*

Prezidanto Puramo CHONG salutis kaj prezentis KAEM-anojn al la publiko kaj klarigis pri la labor-planoj kaj projektoj pri KAEM. Sekvis la raportoj pri la landaj asocioj:

S-ino SYÔZI Keiko el Japanio raportis pri Japana Esperanto-Instituto: la nombro de oficistoj, pri nacia kongreso, kaj pri projekto lanĉita pri lingva kaj homaj rajtoj.

S-ro DAI Song-en raportis pri ĉina situacio pri Esperanto-movado, ke oni frontis ĉefe financan problemon, ĉar la registaro ĉesigis subtenon. Do oni devis mem solvi la problemon kaj jam ne malmultaj asocioj relative sukcesas. Fuzhoua Esperanto-Asocio eĉ planas aĉeti sian sidejon ktp. Li raportis ankaŭ pri la 17a Komuna Seminario okazinta en Pekino. Amaskomunikiloj (TV, radioj, ĵurnaloj) lastjare favore pritraktis Esperanton. En pli ol 10 universitatoj, urboj daŭras Esperanto-kursoj. Oni faris interretan hejmpaĝon de kelkaj Esperanto-revuoj.

HO Song el Koreio raportis pri korea movado: pri membro-nombro de Korea Esperanto-Asocio, pri la nove aĉetita propra oficejo kun plentempe dungitaj du oficistoj, pri la 29a nacia kongreso, kaj pri la filioj kaj eldonado de organo, granda Esperanta-Korea Vortaro, CD-romforma vortaro, biblio de koredevena religio Ŭonbulismo, ktp.

Bill MAK el Honkongo raportis pri siaurba movado, kiu naskiĝis en 1991. Nun aktivas 45 membroj, kiuj konsistas el malsamaj naciaj membroj kaj 7 estraranoj. 60 homoj lernis Esperanton en lastjaraj du kursoj kaj tri semajnfinaj kunloĝadoj.

S-ino Natalija KASYMOVA el Taĝikio raportis pri sialanda situacio de la movado. Multaj elmigris al aliaj landoj kaj nun oni klopodas revigligi la movadon. Du kasedoj eldoniĝis en Esperanto. Oni povas kontakti kun ŝi pere de E-poŝto.

S-ino Majra BARADOSOVA el Kazaĥio, kaj Eŭgeno PEREVERTAJLO el Uzbekio ankaŭ raportis pri sialanda situacio.

Poste okazis libera diskuto:

S-ro Bill MAK el Honkongo prezentis la rezolucion faritan en la Komuna Seminario okazinta en Pekino pri la junularo en Azio, kaj petis KAEM, ke oni faru almenaŭ unu paĝon el la organo, "Esperanto en Azio" por la rubliko por junuloj. Kaj oni laŭeble uzu interretan kontakton.

S-ro Eŭgeno PEREVERTAJLO el Uzbekio kaj s-ino Natalija KASYMOVA el Taĝikio esprimis malkontentojn pro ne respondado kaj malfacila kontaktado kun alilandaj asocioj kaj KAEM. Ili bezonas regulan ricevadon de informoj ktp.

S-ro Miko el Usono proponis levi la kampanjon por helpi vjetrnaman esperantistaron per kolektado de ne uzataj elektronikaĵoj, ekz., komputilo, faksilo, telefona respondilo. S-ro LEE Chong-yeong avertis pri teknikaj malfacilaĵoj kun la komparo de UN-kazo, kiu antaŭe la similon faris kaj havis iom da problemo.

S-ro Eŭgeno PEREVERTAJLO emfazis, ke oni uzu Esperanton ne nur inter esperantistoj, sed utiligu ĝin kiel helplingvon al ne-esperantistoj. Daŭris kelkaj similtemaj opinioj kaj pro la ferma tempo oni finis la kunsidon.

## *1.5 Raporto pri la dua preparkusindo por la 2a Azia Esperanto-kongreso en Hanojo*

*tempo: 9:00 - 17:00 en la 29a de nov. 1998*

*loko: en la oficejo de Vjetnama Unio de Amikeca Organizo*

*Ĉeestis el LKK: VU Xuan Hong (Vicprezidanto kaj ĝenerala sekretario de VUAO), DAO Duy Tien (direktoro por la fako de Azio, Afriko kaj Latin-Ameriko de VUAO), NGUYEN Dinh Hien (Prezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio), LE Tuyet Than (Vicprezidanto de VEA), HONG Hac (ĝenerala sekretario de VEA), NGUYEn Minh Toan (Prezidanto de Hanoja Esperanto-Asocio), HOANG Ngoc Boi ( Membro de konstanata komisiono de la centra komitato de VEA)*

*el KAEM: Puramo CHONG (Prezidanto de KAEM), PAK Hwa-jong (Korea KAEM-ano), SYÔZI Keiko, TAKEUTI Yosikazu (KAEM-anoj el Japanio)*

### *1.5.1 Kongresa temo: (netuŝita)*

Ĉeftemo: "Kunlaboro por Paco, Stabileco kaj Disvolo"

Subtemoj:

1. Esperanto kiel ponto interliganta kulturojn de aziaj landoj
2. Rilato inter Esperanto kaj aziaj lingvoj kaj ties evoluo
3. Fruaj stadioj de Esperanto-Movado en Vjetnamio, Historia skizo
4. Esperanto kiel rimedo de interŝanĝo de kulturaj valoroj inter aziaj landoj

### *1.5.2 Kongresejo: (findecidita)*

Hotelo Horison (5-stela) kun granda halo, kapacito por 900 homoj, kun alta plafono, bona son-izoleco kaj bonaj dekoreblecoj

### *1.5.3 Kongresa loĝigo:*

a- plej luksa: 5-stela hotelo (Hotelo Horison)

Prezo: 65 USD/ por ĉambro - egale ĉu unu-, ĉu du-lita (Se 2 kongresanoj uzas du-litan ĉambron, ili pagas duonan prezon respektive.)

b- due luksa: 4-stela hotelo (Hotelo Hanoi)

prezo: 35~60 USD (Varias la prezo laŭ la nove aŭ malnove konstruita parto de hotelo, kaj laŭ la urbo- aŭ lago-flanka ĉambro) (Same kiel en hotelo Horison, se du kongresanoj loĝas en du-lita ĉambro, ili pagas duonon.)

c- amasa hotelo (loĝejo): Hotelo Kimlien. prezo: 10 USD (Unu lito je 5 dolaroj)

*1.5.4 **manĝado en hoteloj***

prezo: Hotelo Horison: 20 USD (tag- kaj vespermanĝoj)

Hotelo Hanoi: 15 USD (tag- kaj vespermanĝoj)

Hotelo Kimlien: 11 USD (tag- kaj vespermanĝoj)

Ref.1 Matenmanĝo estas inkluzivita jam en hotel-kosto, do la supra estas por du manĝoj (tag- kaj vespermanĝoj).

Ref.2 vespermanĝo en la tago de alveno estas aparte pagenda.

***1.5.5 ~ 6. Programero kaj laŭtaga programo (Ŝanĝiĝoj al la preparita de LKK):***

Aliĝintoj vidos en la dua bulteno.

***1.5.7 Duontagaj ekskursoj***

Ĝi okazas ĉiutage, antaŭ- kaj post-tagmeze por ke ĉiuj interesatoj povu facile partopreni. Matene ĝi komenciĝas je 8:00.

***1.5.8 Antaŭ- kaj Post-kongresoj:***

Se iu volas dormi sola en unu ĉambro, oni devas aldoni aldonan pagon. (poste informota kun rimarko)

***1.5.9 Bankedo:** 25 USD*

***1.5.10 Landaj asocioj aŭtomate fariĝas landaj perantoj.***

***1.5.11 Buĝeto***

Finkonsentita, ke la 1/3 el la kongresa profito iru al KAEM, dum la 2/3 iras al LKK same kiel en la kazo de la Unua Azia Kongreso en Ŝanhajo.

Oni profitos per budo-vendo (poste oni informos la prezon, konsultite de Ŝanhaja LKK)

***1.5.12-1. Paga problemo de ĉinoj***

Oni akceptos Reminbi laŭ la apliko de kurzo de perioda tabelo.

***1.5.12-2. En la uzo de karto-pago***

La bank-makleraĵon (2.4%) karto-posedanto devas aldone pagi, kaj tiukaze, oni ne

redonas al peranto la maklerajon.

### *1.5.13-1 Konfirmilo (por pagintoj)*

LKK unuope sendas ĝin al perantoj (landaj asocioj) por ŝpari sendkoston.

### *1.5.13-2 La dua bulteno*

En ĝi oni klare listigu la nomojn de perantoj.

### *1.5.13-3 La limdato de aliĝo kaj malmendo*

Fino de junio.

### *1.5.13-4 Mendilo*

Ĝi venos al partprenantoj kun la dua bulteno, kiu atingos antaŭ la fino de februaro.

### *1.5.13-5 La nomoj de kongres-haloj*

Unu lando donu unu nomon. (Poste informota al LKK)

### *1.5.13-6 Por helpi lingvo-perfektigon por vjetnamaj esperantistoj*

KAEM sendos gvidantojn por Esperanto-kurso en Hanojo antaŭ la kongreso.

## *2. Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

Por 1999 ĉiu kandidato bonvolu skribi jenojn klare legeble. Ne skribu pli ol du paĝojn, kaj pri aliaj petoj aparte turnu vin al koncernatoj, mi petas.

1) Konciza sinprezento

2) Kiel mi aktivis por nia movado en 1998.

3) Kiel mi kontribuos por la movado en mia regiono.

Limdato: fine de januaro 1999

SYÔZI Keiko (s-ino): ĉe Japana Esperanto-Instituto, JP 162-0042 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japan / Japanio

## *3. Informoj*

### *3.1 hejmpaĝo por aplikado de Esperanto en komerco*

Luis Guillemo Restrepo Rivas kaj Chielismo Von, esperantistoj kolombia kaj ĉina iniciatis novan retpaĝon. La retpaĝo estas speciala por aplikado de Esperanto en la komerco kaj ekonomio, kaj servas por diversaj entreprenoj kaj personoj. Se vin interesas la mesaĝo, notu la hejmpaĝan adreson :(http://komerco.com), aŭ kontaktiĝu kun Chilismo Von per retadreso: (informo@komerco.com), aŭ (komerco@esperanto.nu)

## 3.2 retadreso de ĉinaj esperantistoj

Chilismo Von kompilas retadresaron de ĉinaj esperantistoj kun pli ol 70 ret-adresoj de lokaj esperantistoj tra Ĉinio, Honkongo kaj Tajvano. Interesatoj havu kontakton kun jena retadreso: (turismchina@esperanto.nu)

## 3.3 Se vi deziras korespondi kun japanoj

Koresponda Servo de Japana Esperanto-Instituto peras korespondadon inter Japanio kaj eksterlando. Se vi interesiĝas pri korespondo kun japanoj, bonvolu turni vin al

Koresponda Servo de Japana Esperanto-Instituto/ JP 162-0042 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japanio

Skribante al ni korespondo-peton, bonvolu aldoni vian aĝon, sekson, profesion, intereson kaj viajn preferojn. Estas rifuzataj monhelpa peto kaj propono je komerco. Aldono de 2 internaciaj respond-kuponoj estas bonvena por faciligi nian laboron.

(zorgas SAKURAI Nobuo)

# 4. okazis

## 4.1 La 7a Nacia Kongreso de Esperanto en Barato (Hinda Unio)

*tempo: 1998-10~11.*

*loko:* en la Junulara Gastejo de *Tirupati en la ŝtato Andhra Pradesh*

*organizis: Federacio Esperanto de Barato.*

*ĉeestis: 35.*

La FEB-filio en Tirupati funkcias jam tri jarojn sub la gvido de d-ro Ranganayakulu, la sekretario de FEB. S-ro Vijayakumer, advokato kaj la prezidanto de loka filio kaj aliaj agemaj membroj: s-ro Sudhir, ĵurnalisto, s-ro Vamsidhar, medicina studento, s-ro Prathap, advokato, ege laboris por la kongreso. Partoprenantoj estas el dek diversaj lingvo-regionoj de la lando. Du esperantistinoj el ili, Sandira kaj Francoise, flugis de Begard, Francio.

**Tirupati** troviĝas en la sudorienta parto de Barato, kiu lokiĝas ĉe la rando de duonseka regiono, kun ĉ. 300 000 da popoloj. Kvankam relative malgranda, ĝi estas renoma pro sia graveco kiel religia centro. Tirumala, alia tre malgranda urbo (kun 25 000 da loĝantaro) situas sur la monto 20 kilometrojn for de Tirupati. Ĉiutage almenaŭ 50 000 pilgrimoj svarmas al Tirumala tra Tirupati, kiu funkcias kiel vojkruciĝo. Preskaŭ ĉiu granda urbo en la lando havas rektan transport-ligon al Tirupati, kiu faciligis la atingopenon de la kongresanoj. Tirumala templo, kiu enhavas Dion Balaĝi, estas la plej riĉa templo hinda en la tuta mondo. La Tirumala Tirupati Devasthanam (T.T.D.) estas tre granda publika organizaĵo administri la templon en Tirumala kaj centojn da lernejoj,

kolegioj, altlernejoj, temploj malgrandaj, nuptejoj, sia propra transporta fako, hospitaloj, bibliotekoj ktp. La kuranta pluv-sezono neniel minacis la kongreson, ĉar la kongresanoj ne povis eskapi la sesiojn!

**Inaŭgura Sesio.** Profesoro S.B. RAGHUNATHACHARYA, la vic-kanceliero de la Nacia Sanskrita Universitato kaj la fama erudiciulo en la Sanskritaj studoj en Tirupati, inaŭguris la kongreson, dirante ke la tuja solvo de la mondolingva problemo per Esperanto ne estas fikcio. Esperanto kapablas servi kiel ponto inter ni, kvankam ni devus lerni ĝin en infanaĝo, ĉar lerni lingvojn estas facile kaj oportune tiam. Probal DASGUPTO, la estro de fako lingvistika en la Universitato de Hajderbad, rakontis pri riĉeco de literaturo en Esperantujo. D-ro Abdul SALAM, la prezidanto de FEB, enkondukis la lingvon Esperanto al novuloj en bela angla kun humoro. Li diris ke tiuj kiuj diras ke ili ne havas tempon lerni Esperanton, vere malŝparas horojn, tagojn ludante kartojn, babilante kaj aliel. La inaŭgura sesio okazis en la angla lingvo, ĉar temis pri diversaj invititoj, kiuj venis el la lokaj 3 universitatoj por scii pri Esperanto.

**Oni havis 5 sesiojn po du horoj kaj decidis jene:**

1. La nomo de la lando estu Barato anstataŭ Bharato. D-ro Probal DASGUPTO iniciatis la diskuton por forigi la literon 'h' en Bharato. Pro la diversaj opinioj, la kongreso okazigis la voĉdonadon: 24 kongresanoj jesis forigi 'h', kvar kontraŭis kaj ceteraj ne partoprenis en opiniesprimado.

2. D-ro Ranganayakulu, la ĝisnuna sekretario de FEB demisiis kaj s-ro Jag Narain SHARMA el Lucknow, norda Barato, elektiĝis kiel nova sekretario por unu jaro. La nova estraro de FEB elektiĝos en la jaro 1999.

3. La kongrseo decidis ke ĉiu loka filio pagu al la centro egalan sumon po 3 guldenoj por ke la centro eldonu "Fenestron" (oficiala organo) kaj pagu al UEA kotizon por unu membro po unu guldeno.

4. La ĝenerala kunsido decidis ke la kasisto de FEB transprenu la taskon de peranto en Barato al UEA. Ĝis nun s-ro Pal laboras kiel peranto. La kongreso petis d-ron Ranganayakulu skribi al UEA ĉi-rilate. Sekve la konto de UEA en Kalkata Banko transiru al Pune, kie lokiĝas la FEB-centro.

5. S-ro Pal montru la dokumentojn rilate al la bankkonto en Kalkato al la estraranoj.

6. "Fenesto" daŭre eldoniĝos en Hajderabad. D-ro Giridhan, alia elstara esperantisto redaktos la organon kaj d-ro Ranganayakulu presos kaj dissendos al ne nur FEB sed ankaŭ al esperantistoj ekster la FEB-reto.

7. D-ro Giridhar, kiu kreis 'neoficialan paĝon de FEB' en Interreto, forigu la vorteron 'ne'. La kongreso permesis kaj petis d-ron Giridhar daŭrigi kaj ofte renovigi informon en FEB-paĝo en Interreto, kiu estas alirebla ĉe http://www. geocities/athens/Acropolis/2065

8. La venonta kongreso, la Oka Nacia Kongreso de FEB, okazu en Lucknow en la ŝtato Uttar Pradesh. S-ro JN SHARMA, kiu gastigis la 3an Nacian Kongreson en Lucknow en 1986, sondu eblecojn organizi la kongreson en 1999.

La kongreso organizis ekspozicion Esperantan en la kongresejo. La vizitantoj aprezis la kolekton de libroj, en kaj pri Esperanto, aĵoj pri Esperanto ktp. S-ro Naren DHOLAKIA, baratdevena brita esperantisto, translokiĝis al Barato kaj li venigis Esperantajn lernilojn kaj vortarojn por vendi dum la kongreso.

La vortaro de Ranganayakulu, "A Biginner's Compact Dictionary of Esperanto" estis alia bone vendita verko dum la kongreso. Multaj kongresanoj foriris al Tirumala je la dua tago kaj la kongreso sukcese fermiĝis per ekologia programo. La kongresanoj plantis kreskaĵojn ĉirkaŭ la Junulara Gastejo kiu kresku kune kun la movado por doni malvarman ombron en varmaj someraj tagoj!

*raportis P.V. RANGANAYAKULU/ P.O. Box 12, Tirupati North 517-501 A.P. Barato (Hinda Unio). tel.: +91-8574-29242. E-poŝto: cybernet@cyberservices. com*

## 5. raportoj

### 5.1 Esperanta Filatelaĵo memore al Lev TOLSTOJ

Lev TOLSTOJ (1828 ~ 1910) estis fama rusa verkisto kaj fervora Esperanto-subtenanto. Liaj ĉefaj verkoj estas "Milito kaj Paco", "Anna Karenina", "La Reviviĝo" kaj aliaj. Lenin nomis lin "la spegulo de rusa revolucio". Li tre aprobis la internacian helplingvon Esperanto kreitan de d-ro L. L. Zamenhof. Nur nelonge post la naskiĝo de Esperanto li jam atente tralegis ĝian lernolibron kaj la 13an de septembro 1889 en sia taglibro li opiniis la lingvon "Bona Verko" ("Plena Verkaro de Lev Tolstoj", volumo 50. p. 142). En la sama tago li skribis al rusa esperantisto V. V. MAJNOV: "Mi trovas, ke tiu lingvo plene kontentigas la bezonojn de internacia eŭropa (Eŭropo kun kolonioj inkluzive Amerikon) lingvo... Mi laŭ miaj fortoj klopodos disvastigi tiun lingvon; la plej ĉefa estas mia konvinko por ĝia nepra neceso" (P.V. Vol. 64. p. 304). En la jaroj de 1889 ĝis 1910 li plurfoje skribis al esperantistoj, Esperanta organizo, revuo kaj eldonejo esprimante altan takson al Esperanto kaj




纪念著名俄国作家和
世界语热情支持者
托尔斯泰诞生一百七十周年



fervoran subtenon al ĝiaj agadoj. La 27an de aprilo 1894, en sia longa letero al eldona societo "Posrednik" li skribis: "Mi ĉiam opinias, ke ne ekzistas pli kristana scienco, ol lernado de lingvoj, tiu scienco ebligane interkompreniĝon kun plej granda nombro de homoj. Multfoje mi vidis, kiel la homoj tenis sin malamike nur pro la mekanika malhelpo de la reciproka interkompreniĝo. Kaj tiel lernado de Esperanto kaj ĝia disvastigo sendube estas kristana afero, kiu helpas al kreo de la Dia Regno, la plej ĉefa kaj sola destino de la homa vivo."

Por memorigi la 170-jariĝon de Lev Tolstoj, la fervora Esperanto-subtenanto, la societo "Amikoj de Esperanto", la Pekina Xiqu-a Poŝtmarka Kompanio, Scienc-Teknika Esperantista Asocio de Ĉina Akademio kaj aliaj organizoj kune aperigis Esperantan filatelaĵon la 9an de septembro. Desegnantoj: ges-anoj Xie Shaoxing kaj Tan Ailing

*Qin Kaiji/ Filatela Societo de Pekina Esperanto-Asocio/ Chegongzhuang Xilu 35 Hao, 5-6-641, CN-100044 Beijing, Ĉinio*

## 5.2 Raportoj el Irano

### 5.2.1 Aktivadas prof. M.H.S. kaj Ĵila.

En la 7a de julio 1997 prof. M.H. Saheb-zamni prezentis Esperanton ĉe la organizaĵo "Sana Urbo" de Tehrano kaj promesis partoprenantojn, "Se vi registre volus lerni Esperanton, tiam mi iel lanĉos Esperanto-instruadon ĉi tie."

Nun unu monaton iom pli poste tio realiĝis: En la 2a de septembro 1997, tiel funkciiĝis Esperanto-kurso por junaj gedezirantoj, kies nombro proksimis al 50, kiujn gvidis s-ino Ĵila Sedigi Saheb-zamni.

Ŝi estas plej pionira Esperanto-instruistino en Irano, kiu dum ĉ. 20 jaroj senlace movadis pri Esperanto enlande kaj eksterlande, ĝis kiam pro tio ŝi sukcesis gajni en Irano Esperanto-ĉefdelegitecon.

### 5.2.2 iranaj matematikistoj akceptis Esperanton

Finfine grupo da matematikaj gestudentoj kaj eĉ proferosoj iranaj akceptis Esperanton kiel plej sciencan arte faritan lingvon.

Tio okazis en la matematika fakultato de Unversitato "Ferdosi" en Maŝhad, la plej sankta religia urbo de Irano. Matematikista esperantisto s-ro Mohamad Moafi prezentis Esperanton kiel logikan lingvon en la fakultato, kaj komence de 1998 oni aranĝis du apartajn Esperanto-kursojn de s-ro Moafi. En la kurso partoprenis ne nur studentoj de matematiko, sed ankaŭ profesoroj kaj fakuloj de aliaj kampoj. En la kurso partoprenis feliĉe ankaŭ genia matematikisto Maĝid Mirza-vaziri, kiu en 1996 gajnis la plej altan rangon en scienca konkurso inter matematik-studentoj en magistra kurso tutlande.

### 5.2.3 Pli kaj pli disvastiĝas Esperanto en Irano

Laŭ oficiala invito subskribita de la universitara estraro, en la 23a de novembro 1998, en granda ĉeestantaro studenta, prof. M.H. SAHEB-ZAMNI prezentis Esperanton kiel rimedon, kiu savos naciojn kaj per kiu oni atingos internaciecon. Ankaŭ ĉi-foje li asertis sciencecon de Esperanto diversflanke por malsamaj uzoj de mondaj sciencejoj pri plej novaj sciencaĵoj. Tiu Esperanto-lekcio estis inaŭgura ceremonio por malfermi novan Esperanto-kurson por gestudentoj ŝatantaj lerni Esperanton en la menciita universitato. La kurson gvidos s-ro Abdollah HAKIMNEĴAD, kiu lernis Esperanton antaŭ 4 jaroj ĉe prof. M.H. SAHEB-ZAMNI en alia universitato en Tehrano. Tiel progresas kursoj en unboj Maŝhad, Bruĝerd, Tehran ktp.

En la lasta Esperanto-aranĝo krom studentaj partoprenantoj ĉeestis ankaŭ kelkaj malnovaj geesperantistoj kun geraportistoj de centraj ĵurnalejoj.

*raportis Mojtaba KHEIR-KHAH/ 37, K. 134, 10 Metry Dowom Javadieh 13-657 Tehrano, Irano*

## 6. kontribuoj

Ni ricevis sume 341,760 japanajn enojn (¥) de jenaj 43 personoj aŭ grupoj :

200,000¥: Anonimulo. 20,000¥: AKADA Yosihisa. 10,000¥: Oomoto Esperanto-Hukyukai. 6000¥: NAGURA Sadako. 5000¥: OKUTU Sintarô. 4000¥: ABE Hiroyuki, HUKUMOTO Hirotugu, HUZITA Takeo, ISINO Masayo, KAKEHI Kunimaro, KITAGAWA Syôzi, NAGAI Nacuko, NISI Tizuko, ONDA Horomasa, TAKEUTI Yosikazu, YAMAZOE Saburô. 3200¥: ITô Tosiki. 3000¥: AIHARA Misako. 2440¥: UNOKI Takanori. 2120¥: TAMURA Mohei. 2000¥: EGAWA Harukuni, Esperanto-Densyusyo Sue, HAYASI Ken, HIROSE Kanae, HORI Yasuo, HOSIDA Atusi, ITABAŜI Micuko, IZUMI Yorimiti, KOBAYASI Tukasa, KOBAYASI Utako, KONISI Tiyo, KUBOTA Masaru, MIYAMOTO Itirô, MIYAMOTO Seiko, NISIMURA Yosihiro, OBARA Hideo, OKUDA Hiroko, SASAKI Yasuko, SCHMID Wilhelm, SUGANO Takeo, SUGIHARA Tadasi, TEZUKA Susumu, YAMASAKI Seikô

## • Parolas redaktantoj

Se vi volas nepre ricevadi nian bultenon, skribu tion al Doi (adreso troviĝas en la fronta paĝo), kiu prizorgas vian adresaron, ĉar ni devas redukti la nombron de ricevantoj por ŝpari monon, laŭ la decido de KAEM-kunsdio en la UK. Bv. kompreni tion. Se vi ne sendas leteron, nek karton, povos okazi, ke vi ne plu ricevos ĉi tiun bultenon. Se vi loĝas en pagipovaj landoj, bv. pagi laŭ via povo. Vi povas pagi per internaciaj respond-kuponoj. Ankaŭ landaj asocioj laboru por kolekti monon. Ni deziras, ke ankaŭ ne-aktivuloj ricevu la bultenon, ĉar povas esti ke ankaŭ ili iam ekagos, legante la bultenon! Ni ĉiam tenas esperon. Tamen antaŭ ĉio sendu al ni almenaŭ karton! (1998-01-16 DOI Ĉ. kaj H.)